# juna amiko



INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO-REVUO

SUB AŬSPICIO DE ILEI

SEPTEMBRO 1974 ★ 2-A JARO N-ro 1 (4)

### *Al la dua jaro*

*Karaj geamikoj,*

*legantoj de Juna Amiko!*

Nun, kiam ni lanĉas[1] la 1-an numeron de la 2-a jar'kolekto, ni devas, antaŭ ĉio, sincere danki pro la help'emo, kiun vi elmontras — de-komence — al nia revueto.

Dank' al via aktiva apogo[2] Juna Amiko povas nun aperi en 6 mil ekzempleroj[3] Ni trovas tion esperiga komenco.

Ni daŭr'igas, do, la redaktadon sen ia ajn honorario[4] por la utilo de nia juna amikaro.

Ni petas, restu fidelaj legantoj, kritikantoj, helpantoj, propagandantoj[5] ankaŭ en la nova lerno-jaro! Helpu al ni kolekti, ĉirkaŭ la gazeto, ĉiujn junajn Esperanto-amikojn.

Ni esperas pluajn sukcesojn. Ili dependas de nia komuna agado. La eblecoj neniam estis tiel favoraj[6].

Fine, en la nomo de la tuta redaktistaro, deziras al vi multan sukceson kaj rapidan progreson en Esperanto

via



1. ek'irigas, komencas/ 2. sub-teno/ 3 pecoj/ 4. mona premio kontraŭ laboro/ 5. kiuj dis-kon'igas, ekz., gazeton/ 6. sukceso-portaj.

*Nikolai Kurzens* (1910—1958), latvo, majstro[1] de etaj formoj; sed li povas, en ili, meti sian ribelan[2] kaj sinceran animon.

N. KURZENS

## Ne sufiĉas nur vivi

*Halti, sur vojo al alto,*
*signifas: re-gliti.*
*Eviti l' destinon*[3] *de l' kreo:*
*malinda pere'*[4].

*Ni do plenu, dum iro kaj veno,*
*de l' firma*[5] *kompreno:*
*ne sufiĉas nur vivi kaj vivi —*
*aktivi*[6] *necesas!*

1. homo, perfekta en sia laboro/ 2. revolucia, progresema/ 3. devo, sorto/ 4. morto/ 5. certa, sen-duba/ 6. esti aktiva: esti agema, kreema.

Sur la titol'paĝo: desegnaĵo de 10-jara knabino: *Timea Moldován.* Ŝi gajnis la unuan premion en nia konkurso lasta-jara.



*La ponteto de nia stepo*[1] *Hortobágy*(:hortobadj)

# HUNGARIO

*Jen estas lando — en la koro de Eŭropo — kiu, pro sia popolo kaj vidindaĵoj, meritas viziton.*

Hungario estas gast'ama lando. Ĉirkaŭ 7 milionoj da turistoj[2] ĉiujare vizitas ĝin, kaj pli ol 1 miliono da hungaroj vojaĝas eksterlanden. Tio estas altaj nombroj, konsidere ke la lando havas 10 450 000 en-loĝantojn.

Mi esperas, ke vi ankaŭ vizitos mian patrion, kaj ĝuos mia-landan someron kaj — ne laste — la specialajn hungarajn manĝaĵojn.

*En Hungario, vi trovos, sur malvasta loko, la tutan ĉarmon de la naturo.*

Hungario okupas unu cent-onon de Eŭropo, tio estas: 93 mil km$^2$ (kvadratajn kilometrojn). Ĝi estas malgranda lando, tamen mult'vizaĝa. Oni trovas, en ĝi, kvazaŭ sen-fine vastan ebenaĵon, regionon[3] kun montetoj kaj, norde, ankaŭ kun montoj. La plej alta monto-pinto leviĝas ĝis 1015 metroj. Grandaj riveroj kiel *Danubo* kaj *Tibisko*, kaj dekoj da belaj riveretoj tra-fluas nian teron. Ĉi tie,

etendiĝas la plej granda lago de Mez-Eŭropo: *Balatono*, la „hungara maro", kies varma akvo kaj ĉirkaŭaĵo estas vera paradizo[4] por turistoj.

*La iama „romantiko[5] de paŝtistoj[6]" jam plene malaperis.*

Pro diversaj turismaj propagandiloj[7], Hungario vekas — en multaj homoj en aliaj landoj — la ideon, ke hungaroj bredas[8] ĉevalojn, kaj ankoraŭ vivas duon'nomadan[9] vivon. Fakte, iam, tio estis,



*La hungara maro*

parte, vera; sed jam de-longe ĉio ŝanĝiĝis. La moderna vivo for-pelis[10] la iaman viv'manieron, por ĉiam.

*La hungara tero donis, al la mondo, multajn el-starajn artistojn kaj scienculojn.*

La pra'hungaroj okupis la patrujon en la fino de la 9-a jar'cento. Nia historio estas sango-plena, kiel la historio de ĉiu popolo en Mez-Eŭropo. Dum cent-jaroj, Hungario estis batal'kampo, sur kiu konsumiĝis[11] la energio de la nacio.

Tamen, de ĉirkaŭ 100 jaroj, nia tero fariĝis fama ne nur pri la ter'produktaĵoj, sed ankaŭ pri la alta nivelo de nia scienca kaj kultura vivo. Certe, ne sonas fremde, al viaj oreloj, la sekvantaj nomoj: *Petőfi* (:petoefi), *Liszt* (:list), *Bartók* (:bartok), *Kodály* (:kodaj),



*Nacia popola vestaĵo*

*Semmelweis* (:semmelvejs), *T. Puskás* (:puŝkaŝ), *A. Szentgyörgyi* (:sentdjoerdji). Kaj mi povus longe daŭrigi la liston[12].

Sen-dube, nia kultura trezoro[13] ne estas multe konata[14] eksterlande. Nia lingvo grave kulpas pro tio. Ni vivas — lingve izolitaj[15] — inter popoloj de hindoeŭropa deveno. La hungara lingvo apartenas al la finno-ugra lingvofamilio, kaj multe diferencas[16] de la najbaraj lingvoj.

*La Internacia Lingvo signifas por ni, malgranda popolo, la solan racian[17] solvon por atingi komunecon kun la ceteraj nacioj.*

Eble, pro nia lingva izolit'eco, Esperanto trovis, ĉe ni, fekundan[18] teron. Oni frue rimarkis la valoron de la Internacia Lingvo, kaj ni estas fieraj[19] pri nia ĝis-nuna historio. La hungaroj ludis kaj ludas gravan rolon en la Esperanto-movado kaj en la Esperanto-literaturo. Ver'ŝajne, vi ĉiuj konas almenaŭ la nomojn: *J. Baghy* (:bagi), *K. Kalocsay* (:kaloĉai), *F. Szilágyi* (:siladji).

La gvidanto de la landa Esperanto-movado estas la *Hungara Esperanto-Asocio* (HEA). Ĝi havas pli ol tri mil membrojn. Esperanto estas instruata[20] en ĉirkaŭ 100 lernejoj. En la universitato de *Budapeŝto*, funkcias Esperanto-fako, kie studas ankaŭ eksterlandaj studentoj. Profesoro[21] *I. Szerdahelyi* (:serdaheji), kiu gvidas tiun Esperantofakon (kaj kies bonegaj lerno-libroj: „Esperanto 1" kaj „Esperanto 2" fariĝis la komunaj lernolibroj en la eksperimentaj[22] klasoj de Aŭstrio, Bulgario, Hungario, Italio kaj Jugoslavio), el-staras kiel unuaranga didaktikisto[23].

Krom *Juna Amiko*, ĉi tie aperas ankaŭ la revuoj *Hungara Vivo*,

*Budapeŝto. La parlamentejo*



*Hungara Fervojista Mondo* kaj la nacia-lingva *Esperanto-Magazino.*

Aparte menciidaj[24] estas niaj internaciaj aranĝaĵoj: la *Somera Esperanto-Universitato* en *Gyula* (:djula), la *Internacia Renkontiĝo Natur'amika* en *Abaliget,* la *Internacia Pionira Tendumado* ĉe *Balatono,* kaj la *Vintra Esperantista Ferio* en *Budapeŝto.*

Mi finas ĉi tiun artikolon kun la espero, ke baldaŭ povos sin renkonti, en Hungario, ankaŭ la legantoj de *Juna Amiko.*

G. *Kurucz* (:kuruc)

1. vasta herbo-riĉa ebenaĵo/ 2. homoj, kiuj vojaĝas pro plezuro/ 3. parto de lando/ 4. tre agrabla loko/ 5. senmanka ĝuo, revo-lando/ 6. homoj, kiuj gardas dom'bestojn sur herbejo/ 7. propagandi: dis-vastigi informojn pri io/ 8. edukas bestojn/ 9. nomado: homo, kiu sekvas siajn bestojn de herbejoj al herbejoj/ 10. ĉi tie: malaperigis/ 11. perdiĝis iom post iom/ 12. vico da nomoj/ 13. mult'valoraĵo/ 14. tio, kion oni konas/ 15. nia lingvo apartigas nin de/ 16. estas malsama/ 17. ĝusta laŭ la leĝoj de pensado/ 18. produktema/ 19. konsciaj pri la meritoj/ 20. oni instruas ĝin/ 21. instruisto en supera lernejo/ 22. eksperimento: scienca provo/23. didaktiko: arto instrui/ 24. dirindaj.

OKUMURA RINZO

# Kurioza[1] pontego



1. intereso-vekanta/ 2. kion oni finis konstrui/ 3. interesa pro ne-ordinara formo/ 4. arta rivero por ŝipoj/ 5. ŝipoj, kiuj kursas inter kontraŭaj bordoj de kanalo aŭ rivero/ 6. veturantoj en publika veturilo/ 7. profunde pensis, rompis al si la kapon.



*Osaka,* en Japanio, estas tre granda urbo, kun pli ol tri milionoj da homoj. Ĝi havas ankaŭ multajn pontojn, longajn kaj grandajn. Oni diras: *Osaka* estas urbego de akvo kun 808 pontegoj.

*Mil-Pina* (japane: *Ŝenbon-Macu Oo-Haŝi)* estas la plej nova pontego, kun tre kurioza formo. Vidu ĝin sur la fotoj!

Ĝi estis fin'konstruita[2] en oktobro 1973, post 5 jaroj da laboro. La ĉefa parto de la pontego estas 323,5 metrojn longa kaj 37 metrojn alta. Sed la tuta pontego havas longecon de 2360 metroj.

Jen estas demando: Kial oni konstruis tiel strangan[3] ponton? Ĉu pro amuzo? Ĉu pro iu alia kaŭzo?

La urbestro, s-ro *Ooŝima Jasuŝi* respondis jene:

„En nia urbo *Osaka,* ekzistas multaj pontegoj; sed en la urboparto, proksima de la maro, oni ne povis konstrui pontojn, ĉar envenas multaj grandaj kaj altaj ŝipoj en la urbon, laŭ la riveroj kaj kanaloj[4]. Tial, ĝis nun pramŝipoj[5] kursadis inter la bordoj. Ili liveradis, transen, aŭtojn kaj pasaĝerojn[6].

Tamen, lasta-tempe, oni decidis konstrui pontegon, sufiĉe altan, por ebl'igi al grandaj kaj altaj ŝipoj pasi sub ĝi. Sed la spaco por la ponto-kapoj, ambaŭ-flanke, estas tre malvasta. Oni cerbumis[7] longe, kia-maniere solvi la problemon. Fine, oni el-pensis tiun strangan formon, kun longa vojo rond'ira kaj ne-kruta."

La nova ponto havas egalan utilon por la sur-akva kaj la sur-tera trafikoj.

Karaj geamikoj, legantoj de nia Juna Amiko! Venu al Japanio! Vizitu nian urbon *Osaka!* Mi certe akompanos vin tra la urbo, kaj montros al vi la novan pontegon *"Mil-Pina".*

# interesaĵoj

ABC POR KOMENCANTOJ



## FRUKTOJ KIEL KURACILOJ

Estas nenia novaĵo, ke fruktoj estas utilaj por la sano; sed ili povas servi ankaŭ kiel kuracilo. Scienculoj el Rumanio venis al la konstato[1], ke pomoj kaj piroj[2] helpas al homoj sin liberigi el iuj malsanoj je koro, reno[3] kaj sango-cirkulado[4]. Vin'beroj kaj persikoj[5] kuracas hepato[6]-malsanojn kaj anemion.[7]

En ĝarden'regionoj[8] de Rumanio, jam funkcias „sanatorioj[9]", kie oni re-sanigas per fruktoj.



1. re-kono de sen-duba fakto/ 2. dolĉa bon'gusta flava frukto/ 3. ĉiu el ambaŭ organoj, kiuj for-igas danĝerajn mal-utilaĵojn el la korpo/ 4. rond'irado/ 5. bon'gusta frukto kun har'et'eca maldika ŝelo/ 6. organo en la ventro sur la stomako/ 7. malbona stato de sango/ 8. partoj

Daŭrigo sur la 9-a paĝo.

## VALORA TROVAĴO

Du blank'rusaj lernantoj trovis okmil arĝentajn[10] monerojn, apud la vilaĝo Kazjanka. La moneroj datiĝas el la 8-a aŭ 9-a jar'cento.

## ĜARDENO SUB LA TERO

*En Dnjepropetrovsk (Sovetunio), oni faris ĝardenon, 370 metrojn profunde, en la malnovaj galerioj[11] de minejo[12].*

*Ĉi tie, nun kreskas cepo[13], tomato[14], floras rozoj. Sub la elektra „suno", kiu brilas 10 horojn en tago, la tomatujoj donas frukton dum 6 monatoj, kaj ankaŭ la ceteraj legomoj kreskas pli rapide ol iliaj „surteraj" fratoj.*






## Valora lego-libro por vi

Se vi volas rapide progresi en Esperanto, se vi volas akiri modelan[1] parol'manieron, nepre mendu la novspecan apudan libron, kiun verkis nia franca kun-laboranto s-ro *Albert Lienhardt* (:linhart). Vi trovos, en ĝi, 20 amuzajn dialogojn[2] kun multaj utilaj dir'manieroj. Ĉiun dialogon sekvas aro da demandoj kun trafaj respondoj.

Instruistoj! *"Amuzaj dialogoj en Esperanto"* estas tre valora instruhelpilo! Mendu ĝin ĉe U.E.A. Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam — 3002, Nederlando.

Prezo: 4,50 guldenoj, sendo-kosto: 10%.

1. ekzemplo-dona/ 2. inter-paroloj.

## Mis-kompreno pri statistiko[1]

ABC POR KOMENCANTOJ

*La familio* Koflik *konsistas en la patro, la patrino kaj tri filinoj. Baldaŭ al-venos kvara infano.*

*La 8-jara filino* Rozetta *iom legis en ĵurnalo*[2]*. Subite, ŝi ĝoje ekkriis:*

*„Paĉjo, baldaŭ nia familio estos tre interesa."*

*„Kial vi pensas, ke nia familio estos interesa?" demandis la patro de Rozetta.*

*„Ĉar ni ricevos ĉinan*[3] *infaneton!" respondis la filineto, kun granda entuziasmo.*

*La patro multe miris: „Ĉinan infaneton!?" li plu-demandis, „Kiel venis tiu stranga*[4] *ideo en vian kapon?"*

*„Estas tre simple, papiĉjo*[5]*", eksplikis*[6] *la filineto ĝojo-plene, „miaj du fratinoj kaj mi, ni kune estas tri infanoj, ĉu ne? Kaj tie, en la ĵurnalo, mi ĵus legis: Ĉiu kvara infano, kiu naskiĝas, estas ĉino."*

*A. Lienhardt*

1. komparo pri io per nombroj, el-centoj/ 2. ĉiu-taga gazeto/ 3. ĉino: ano de la plej mult'nombra popolo sur la Tero/ 4. ne-ordinara/ 5. tre afabla al-parolo al patro (anstataŭ: paĉjo)/ 6. klarigis, komprenigis.

de lando/ 9. specialaj re-san-ig-ejoj/ 10. arĝento: valora peza blanka metalo (Ag)/ 11. ĉi tie: sub-teraj koridoroj/ 12. sub-tera fosaĵo, de kie oni prenas ekz. karbon/ 13. dika manĝebla glob'forma radiko/ 14. legomo, kies ruĝa frukto estas bon'gusta.

# *MARJORIE BOULTON*



*Marjorie Boulton (:maĝori boŭlt'n), anglino, granda verkisto de nia bel'literaturo. Ĝis nun, ŝi verkis, por la esperantistaro, dek valorajn librojn.*

## Esperanto signifas por mi...

Por mi, Esperanto signifas lingvon, kiu povas iom helpi al amikeco inter diversaj nacioj, kaj tiel, al tiu paco, kiun ni ĉiuj deziras.

Esperanto signifas lingvon, kiu jam havas propran riĉan literaturon kaj kiu peras kulturojn de popoloj al popoloj.

Esperanto signifas lingvon, kiu — detruante[2] la lingvajn barilojn — ankaŭ povos ŝpari, por la homaro, multan monon, kiun oni do povus disponigi[3] ali'maniere, ekzemple por hospitaloj[4], lernejoj, teatroj, muzeoj, sportejoj, parkoj.

Sed Esperanto signifas tion, kaj tion, kaj ankaŭ tion, al ĉiuj inteligentaj[5] homoj, kiuj scias pri ĝi, kiuj lernis ĝin.

Al mi, Esperanto signifas ankaŭ: lingvon, per kiu mi trovis multajn tre karajn geamikojn esperantistojn, kun kiuj mi povas paroli pli libere kaj pli nature ol kun multaj britoj. Dum vojaĝoj en diversaj Eŭropaj landoj kaj en Usono, mi trovis multajn varmajn korojn kaj gast'amajn hejmojn inter esperantistoj.

Pere de Esperanto, mi vidis multon en la mondo, kion, alimaniere, mi ne povus vidi; ekster la kadro de nura turismo[6], mi vidis familiajn vivo-stilojn[7]; malantaŭ propagandaj[8] fasadoj[9], mi vidis partojn de la reala vivo; super la mitoj[10] kaj superstiĉoj[11] pri raso[12] kaj nacio, mi trovis la korojn de homoj en multaj landoj.

Tamen, por mi persone, plej grava estis mia stranga[13] vivo kiel poeto[14] en Esperanto; ĉar, pere de Esperanto, mi trovis novan poetan personecon, pli kuraĝan, pli sinceran, kaj eble pli profundan, ol mi trovis, antaŭe, en la angla. Tial, Esperanto, ia-sence, donis al mi — dum kriza[15] sezono en mia interna vivo — mian propran animon.

*Marjorie Boulton*
*Oxford, Anglujo, aprilo 1974*

1. homo, kiu anstataŭas iun, por plenumi ties taskojn/ 2. dum ĝi faligas, dum ĝi rompas/ 3. doni eblecon pri ia uzo laŭ bon'trovo/ 4. mal-san'ulejoj/ 5. alt'kapablaj/ 6. vid'ama vojaĝado por plezuro/ 7. vivo-manieroj/ 8. tiaj, ke oni celas dis-konigi ion/ 9. ĉefa muro de domoj kun ornamoj/ 10. fabelecaj rakontoj/ 11. diversaj ne-sciencaj kredoj pri la forto de io/ 12. natura grupego da homoj sam'devenaj/ 13. ne-kutima, ne-ordinara/ 14. verkisto de versaj verkoj/ 15. viv'danĝera, danĝerega.

## LAŬ-LITERE

Pasu de la unua vorto, tra du aliaj, al la kvara vorto. De vorto al vorto, vi rajtas ŝanĝi *nur unu* literon, kaj ankaŭ la interaj vortoj devas havi sencon[1]!

Ekzemplo: HOMO *k*omo ko*l*o KELO.

| | | | |
|---|---|---|---|
| HUNDO | ....... | ....... | LANGO |
| MANĜI | ....... | ....... | MARŜI |
| STELO | ....... | ....... | ŜTATO |
| TRO | ....... | ....... | PLI |
| SENTI | ....... | ....... | VERKI |
| TRAMO | ....... | ....... | KREVO |
| MORTI | ....... | ....... | TONDI |
| SUPO | ....... | ....... | KATO |
| TERO | ....... | ....... | BATO |
| TUKO | ....... | ....... | BERO |

*Vi trovas solvon sur la 22-a paĝo.*

1. signifo.

# kiel ni mortigadis leporon[1] por la antaŭ-kristnaska vespera manĝo



## I. KIA-MANIERE CERTAĴO FARIĜAS REVO?

(El „Paŝoj al plena posedo" de W. Auld)

En la ĵus-lasta jaro, je Kristnasko, la patro ricevis de iu sia amiko, en la oficejo, vivantan leporon. Tian pli-riĉiĝon de la antaŭ-kristnaska manĝo-karto, la tuta familio akceptis kun dankemo (kompreneble!), krom la avineto, kiu ĉiam kontraŭis. Sed poste, ankaŭ ŝi submetis sin al la decido de la "familia konsil'antaro", kaj — kiel persono sperta — ŝi prenis sur sin la taskon organizi la tutan preparon de la leporo por la antaŭ-kristnaska vespera manĝo.

La avineto el-serĉis en la „Hejma Konsilanto[2]" la devizon[3] "Leporo", kie estis skribite (paĝo 824): "Kiel mortigi leporon? — Vidu la samon sub la devizo: Kuniklo[4]". Tiu saĝa libro poste konsilis, ke: „kuniklon, same kiel leporon, ekprenu je la malantaŭaj kruroj, kaj mortigu ĝin per bato malantaŭ la orelojn" (paĝo 381).

Post tiu grava informo, la taskoj estis dividitaj[5] en la jena maniero:

La patro: mortigi la leporon.

La patrino: pri-labori ĝin.

La frato Fabiano: teni la leporon je la kruroj.



La avineto: kontroli la tutan procedon[6].

La aveto estis la unua rezervulo[7], kaj mi la dua.

Tuj poste, la plenumo komencîĝis. La patro supren-faldis[8] la manikojn[9]; li el-prenis la leporon el kesteto, kaj trans-donis ĝin al la frato Fabiano, kiu — laŭ la donita[10] konsilo — ekprenis ĝin je la malantaŭaj kruroj. La patro dismetis la krurojn, tri-foje ek-spiris profunde, kaj levis la manon, por doni al la leporo mortigan baton. Sed la besto ekkomprenis, ke la situacio[11] fariĝis grava. Ĝi ek-skuis sin, kaj Fabiano, kontraŭ-vole, lasis ĝin libera. Anstataŭ la leporo, Fabiano ricevis la baton. Tial, por la plua batalo, li estis ne plu servo-kapabla.

La avineto (sam'tempe la estro de nia familio) tuj klare komprenis tiun situacion; tial, ŝi rapide ekkuris al la leporo, kiu zigzage[12] kuregis tra la ĉambro. Bedaŭrinde, ŝia fulmo-rapida ago restis sen-rezulta, ĉar la leporo kuris malantaŭ la ŝrankon, kaj — vid'eble — tiu loko tre plaĉis al ĝi.

Inter-tempe, re-konsciiĝis kaj re-organizis sin la tuta taĉmento[13], post iom longa proklamo[14] de la avineto, ke ŝi kontraŭis la projekton[15] kaj avertis[16]; kaj, post mal-longa familia inter-konsento, estis decidite el-peli[17] la leporon, helpe de balailo[18]. La ideo venis al tuja real'igo. Sed la atendata[19] rezulto ne venis; ĉar la leporo kuris



antaŭ la balailo, sed ne for-lasis la lokon malantaŭ la ŝranko. De la alia flanko, la patrino al-kuris kun bros'balailo, por helpi elpeli ĝin.

Ne vidante alian eblecon, la leporo rampis[20] el sub la ŝranko, kaj ree komencis zigzage kuregi tra la ĉambro. Tiam, la patro inter-metis sin en la batalon; li ĵet'egadis tranĉilojn kontraŭ la leporo; sed li sukcesis nur frakasi[21] la vitron en la fenestro, rompi unu tranĉilon kaj en'igi alian en la pordon tiel profunden, ke ne estis eble eltiri ĝin. En tiu ĉi fazo[22] de la batalo, mi rang'altiĝis al tiu de la "unua rezervulo", ĉar mi nokaŭtis[23] la aveton per viando-pistilo[24].

(DAŬRIGO SEKVOS)

Laŭ *Vladimír Vána*

1. rapid'kura besto kun longaj oreloj/ 2. libro kun pri-skriboj pri pret'igo de manĝaĵoj/ 3. ĉi tie: kelk'vorta prezento de ĉiu el la pretigoj de manĝaĵoj/ 4. malsovaĝa hejma leporo-speco/ 5. oni dis-donis la taskojn/ 6. ag'meniero/ 7. homo, kiu inter-venas nur okaze de bezono/ 8. kun-metis du-oble aŭ kelk'oble paperon aŭ ŝtofon/ 9. ĉemizo-partoj, kiuj kovras la brakojn/ 10. kiun oni donis/ 11. afero, okazo/ 12. kuri ne rekte, sed subite kaj ofte ŝanĝi la direkton/ 13. parto de militistaro/ 14. el-diro al la publiko/ 15. propono, plano/ 16. forte atent'igis/ 17. for-igi/ 18. simpla ilo por purigi ĉambron/ 19. kion oni atendas/ 20. iris sur-ventre/ 21. dis-er'igi per forta bato/ 22. ĉiu el la sinsekvaj statoj de progreso/ 23. sen-konsci'igis per forta bato/ 24. ilo, per kiu oni bat'platigas viandon.

## Proverboj

Kiu kuraĝe al-iras, facile akiras.
Komenco bona — laboro du-ona.
De plendo[1] kaj ploro, ne for'iĝas doloro.
Nur tiu ne eraras, kiu neniam ion faras.
Kio estas lernita[2], ne estas perdita[3].

1. vortoj, kiuj esprimas malkontenton/ 2. tio, kion oni lernis/ 3. tio, kion oni perdis.

# KASTORA LETERO

## De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*Kiam vi legas ĉi tiun Leteron, certe komenciĝis, por vi, la nova lern-eja jaro, kaj mi deziras al vi multe da sukceso en viaj studoj. Mi scias (eĉ memoras el mia propra jun'aĝo!), ke por multaj geknaboj, la komenco de nova lerno-jaro tute ne estas ĝojiga afero, sed mi estas certa, ke ĉiuj Kastoroj, kaj ja ĉiuj legantoj de JUNA AMIKO, estas saĝaj, kaj ke vi ĉiuj konscias, ke tiu komenco estas nova okazo gajni ion, kio valoras, por vi, dum la tuta vivo.*

*Aparte en viaj studoj pri Esperanto, mi deziras al vi sukceson. Eble vi havis la okazon, ĉi-somere, renkonti ali'landajn esperantistojn, eĉ viziti alian landon, por vidi ilin hejme, kaj nun vi povas rigardi antaŭen en la venontan jaron, kaj antaŭ-ĝui pluajn feliĉajn renkontiĝojn. Sed certe, multaj el vi trovis, ke via scio de nia lingvo ankoraŭ ne estas sufiĉa, por ke vi babilu[1] libere al viaj alilandaj geamikoj. Do nun vi havas la okazon pli-bonigi, perfektigi ĝin. Antaŭen, karaj junaj amikoj, al la sukceso!*

## NIAJ PROMOCIITOJ[2]

En la antaŭa Kastora Letero, mi enmetis liston[3] de ĉiuj Kastoroj, kiuj atingis pli altan gradon[4] dum 1973, ĝis la mezo de novembro, kiam mi skribis la leteron. Nun mi donas al vi la liston de tiuj, kiuj atingis la gradojn post tiam, kaj ĝis aprilo 1974.

ORA KASTORO:

Janusz KWAPIEŃ, en Lublin, Pollando. (Bedaŭrinde, ni ne povis akiri foton. Ĉi-okaze, ni petas ĉiujn: ĉe Or'iĝo, nepre sendu vian portreton[5] al la Ĉefa Kastoro. La redaktisto.)

ARĜENTAJ KASTOROJ:

Aleksandr *Jordanov*, Valeri *Cenov*, Valeri *Marinov*, Goŝo *Borisov*, Dimitrina *Beŝoviŝka*, Ivo *Milinski*, Krasimir *Josifov*, Ljuben *Elenkov*, Ljubĉo *Angelov*, Ljubomir *Georgiev*, Malina *Cvetanova*, Rosen *Petrov*, Rumen *Burov*, Svetoslav *Pavlov*, Krasimir *Petkov*, Marijana *Borisova*, Nikolai *Kacarski*, Penka *Georgieva*, Stefan *Kozlev*, Cenov Anton *Iliev*, Bojko *Petrov*, Georgi *Toŝkov*, Krasimir *Gergov*, Saŝo *Ninov*, Cvetan *Aleksandrov*, Coko *Dimitrov*, Valeri *Mladenov*, Vasil *Vasilev*, Velislav *Iliev*, Vladimir *Ŝipoĉki*, Georgi *Ĵivkov*, Lilija *Mladenova*, Radoslav *Georgiev*, Rumen *Ambov*, Stefka *Krumova*, Toŝin *Petkov*, Vaska *Kostadinova*, Kostadin *Cvetkov*, Plamen *Parvanov*, Pepa *Vladimirova*, Temenuĵka *Jankolova*, Totka *Ivanova*, Cecka *Vladimirova*, Ceko *Cekov*, Bonĉo *Georgiev*, Kamelija *Enĉeva*, ĉiuj en VRACA, Bulgario.

## RAKONTETO

*Jen mallonga rakonto pri la fama itala poeto*[6] Dante Alighieri *(:aligjeri). En iu vendredo, kiam* Dante *estis en* Venecio, *la doĝo (reganto de la urba ŝtato) invitis lin al vespera manĝo. Ĉe la sama tablo estis ambasadoroj*[7] *de diversaj aliaj ŝtatoj, kaj* Dante *rimarkis, ke ili ricevis grandajn fiŝojn, dum li ricevis nur malgrandajn.*

*Do, anstataŭ manĝi la siajn, li prenis ilin en la manon unu-ope, tenis ĉiun ĉe sia orelo, kaj poste re-metis ilin sur la teleron. La doĝo estis scivola, kaj demandis al* Dante, *kion li faras.* Dante *respondis:*

*„Antaŭ kelkaj jaroj, mia bona amiko mortis sur ŝipo, kaj oni ĵetis lian kadavron*[8] *en la maron. Mi neniam ek-sciis, kie li kuŝas, kaj mi demandis al ĉi tiuj fiŝetoj, ĉu ili scias ion pri la afero."*

*„Nu," diris la doĝo. „Kion ili diris al vi?"*

*„Ili diris,"* respondis Dante, *„ke ili estas tro malgrandaj, kaj ne memoras, sed ke se mi demandos al la pli grandaj fiŝoj sur la teleroj de la aliaj gastoj, ili certe povos doni al mi la informon."*

*La doĝo, kiu komprenis, kial* Dante *diris tion, ek-ridis, kaj ordonis, ke oni donu al li unu el la plej grandaj fiŝoj en la palaco*[9].

## POR NE-KASTOROJ

Se vi deziras an'iĝi al la KASTORA KLUBO de ESPERANTO, petu informojn de la Ĉefa Kastoro, 3 Berwick Avenue, URMSTON, Manchester M31 1PS, Anglio.

Se vi deziras havi *„onklon"* aŭ *„onklinon"*, plen'kreskulon, kiu korespondos kun vi en Esperanto skribu al GEONKLOJ ESPERANTISTAJ ĉe la sama adreso. La aĝo-limo por ambaŭ servoj estas 16 jaroj.

Bon'volu noti, tamen, ke nek KKE nek GE estas ordinara korespondа servo, kaj ne povas per'adi korespondadon inter infanoj kaj infanoj, nek inter plenkreskuloj.

1. inter-parolu amike/ 2. tiuj, kiuj atingis pli altan ŝtupon/ 3. nom'aro/ 4. ŝtupo en progreso/ 5. foto pri vizaĝo/ 6. verkisto de versaj verkoj/ 7. oficiala sendito de unu ŝtato al alia/ 8. sen-viva korpo/ 9. granda belega domo.

ABC POR KOMENCANTOJ

LA RUBRIKON[1] GVIDAS:
*Josef Chvosta* (:ĥvosta)
Engelsova 289
290 01 PODĚBRADY
*Ĉeĥoslovakio*
*Sendu ĉiun korespondaĵon rekte al tiu adreso!*

## Klubo de Legantoj

Ni informas la novajn legantojn, kiuj ne konas nian Klubon, ke la regularo estas trovebla en la 2-a (januara) numero de *Juna Amiko*. Se vi ne povas akiri ĝin, turnu vin al la ĉi-supra adreso, kaj vi ricevos la necesajn informojn.

Ĉar la 2-a numero, kiu en-havas la regularon, multe malfruis, kaj la redakta lim'dato de tiu ĉi numero estis la 1-a de majo, ĝis tiam povis al-iĝi nur du Kluboj:

KJA/1: Esperantista Societo *"Anne Frank"*, ĉe Teksa Teknikumo; VRACA; *Bulgario*.

KJA/2: Sauerbrey Dornbrunner Str. 24; 1195 BERLIN; GDR.

Ni atendas la aliĝon de pluaj kluboj. Pri-pensu la aferon, kaj skribu la unuan raporton!

La nomaro de la gajnintoj de la konkurso *"Ŝtatoj kaj ĉef'urboj"* aperos en la plej proksima numero.

1. parto aŭ angulo en gazeto.

DIVENU! DIVENU! DIVENU!

# *Kio estas tio?*

*Ĝi similas al homo,*
*sed ankaŭ al pomo.*
*Ĝi similas al nesto*[1]
*kun truo por fenestro.*

*Kun'aĵo el papero.*
*En ĝi troviĝas -ero;*
*sed ĉefe litero post litero,*
*cifero*[2] *post cifero.*

*Ĝi iras de loko al loko,*
*sen speciala al-voko.*
*Ĝi tamen nenien iras.*
*Ĉu, pri tio, vi miras?*

*Plektante*[3] *reton, en angul',*
*ĝi ŝvitas*[4] *kaj baraktas*[5]*;*
*sed fiŝojn — je honora*[6] *vort' —*
*per reto ĝi ne kaptas.*

*Kun-frapante la flugilojn*
*brue saltas sur barilon,*
*vek'horloĝ' ĉe ava domo.*
*Kio estas ĝia nomo?*

*Solvoj sur la 22-a paĝo.*

1. loĝejo le birdoj/ 2. signo de nombro/ 3. ĉi tie: farante/ 4. pro varmo, el-igas akverojn tra la haŭto/ 5. energie movi la piedojn ekzemple por liberiĝi/ 6. tia, ke oni ne havas kaŭzon dubi pri lia vorto.

# FOTO KONKURSO

Vi certe memoras, ke ni jam anoncis[1] plurajn konkursojn. Ĉi-jare, ni daŭrigas ilin.

Foto-amatoroj, atentu! Nun venis via vico. La redakt'istaro akceptas ĉiajn nigra-blankajn fotojn; tamen, ĝi preferas temojn pri la junularo kaj pri Esperanto.

Konkursanto devas sendi almenaŭ du verkojn en la formato[2] 13 x 18 cm, aŭ pli granda. Sur la dorsa flanko, troviĝu la plena adreso de la fotinto[3] kaj la titolo de la bildo!

Lim'dato: la 15-a de februaro 1975.

La plej belaj fotografaĵoj aperos en *Juna Amiko.*

*Premioj:* Foto-albumoj[4]; kolektoj da koloraj bild'kartoj el diversaj landoj; abono al gazetoj k.t.p.

Adreso: *s-ro G. Kurucz,* Árpád krt. 13. IV. 16.; H-6000 KECSKEMÉT; *Hungario.*

•

1. publike sci'igis/ 2. longo kaj larĝo de foto aŭ de libro k.t.p./ 3. tiu, kiu fotografis/ 4. kajeroj el dikaj paperoj por fotoj.

# KANTU!

ABC POR KOMENCANTO

## ABOCO

Versoj kaj muziko de *Jasui Josio* (Japanio)




1. Nun ni kan-tu a-bo-con,
a, bo, co, ĉo, do, e, fo,
2. Nun pli vig-le kan-tu ni,
a, bo, co, ĉo, do, e, fo,




ĉi-uj laŭ-te el la kor'!
go, ĝo, ho, ĥo, i, jo, ĵo,
ni-an ga-jan a-bo-con.
go, ĝo, ho, ĥo, i, jo, ĵo,



Nun ni kan-tu a-bo-con,
ko, lo, mo, no, o, po, ro,
Nun pli vig-le kan-tu ni,
ko, lo, mo, no, o, po, ro,




res-tu kun ni ga-ja hor'!
so, ŝo, to, u, ŭ, vo, zo.
kaj ra-pi-de, sed ne tro:
so, ŝo, to, u, ŭ, vo, zo.




La libron TRAGEDIO EN LA UNIVERSO verkis grupo de junaj anstronomoj-esperantistoj ĉe la Observatorio en *Zagreb*. La libro vekis ekster-ordinaran intereson en la tuta mondo. Ĝi estas tradukita en 21 lingvojn.

Nun ankaŭ vi povas legi ĝin en bildigita formo.




1. tre malĝoj'iga okazaĵo/ 2. sen-fina spaco/ 3. scienculoj pri la Universo/ 4. veturantoj tra la spaco/ 5. scienculo pri vivaj estaĵoj/ 6. scienculo pri planedo/ 7. korpo en la spaco, rond'iranta ĉirkaŭ stelo/ 8. aro de planedoj/ 9. aero, gasoj ĉirkaŭ planedo/ 10. racia: penso-kapabla/ 11. signoj/ 12. minaci: timigi per akraj vortoj; hidrogen'bombo: la plej danĝera milit'ilo.

ABC POR KOMENCANTOJ

# VORT'FARADO

Ni prezentas al vi amuzan kaj instruan ludon kolektivan[1]. Ĝi neces'igas la apudan tabelon kaj unu ĵet'kubon.

La tabelo konsistas el 6 sektoroj[2] (de I ĝis VI). Ĉiu, el ili, estas dividita[3] en 6 pliajn sub-sektorojn (de 1 ĝis 6), en kiuj vi trovas literojn.

Ĉiu ludanto ricevas paperon kaj krajonon. La ludantoj metu ilin, antaŭ si, sur la tablon. Dum la ludo, neniu rajtas kovri la paperon.

La ludantoj, sin-sekve, ĵetas dufoje per la kubo (la unua ĵeto montras la sektoron; la dua, la subsektoron), kaj ili elektas, laŭ-plaĉe, literon el la subsektoro, kiun ili trafis. Dum la ludo, ĉiu kolektas kelkan nombron da literoj. Poste, la ludantoj devas konstrui, ĉiu per siaj literoj, iujn vortojn. Vorto, el malpli ol tri literoj, ne estas akceptebla. Vorto el tri literoj valoras 1 poenton[4]; vorto el kvar literoj, 2 poentojn; el kvin literoj, 4 poentojn; el ses literoj, 8 poentojn; el sep literoj, 16 poentojn; k.t.p. Gajnas tiu, kiu fine havas plej multe da poentoj.

Rimarkoj: (a) Post elekto de iu litero, neniu ŝanĝu ĝin. (b) La literoj, kiuj restis, subtrahiĝas[5]: ĉiu egalas — 2 poentojn. (c) Pri la daŭro de la ludo, interkonsentu antaŭe!

1. komuna, kuna/ 2. el-trancaĵo, parto de rondo/ 3. oni faras onojn el tuto/ 4. gajno-unuo ĉe ludo/ 5. de-preniĝas el nombro.

# enigmo

*For-streku[1],*

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| NA | TER | DI | OR | A | DO | RO |
| RA | KO | GRA | TE | GO | HI | A |
| TAŬ | BAL | E | LE | NA | RES | TU |
| DUK | O | CI | NIS | KON | TA | AN |
| PO | LI | MON | RO | JA | KOM | TO |
| NU | KO | TO | LO | RA | HOS | GO |
| DAŬ | CI | PI | RES | RO | RAŬ | TO |
| VA | TO | RA | FI | PON | O | IN |

1. for'igu per linio/ 2. kion oni plen'igis/ 3. vorteroj/ 4. ĉirkaŭskribo de signifo.



## *ne en-skribu!*

Ni denove prezentas al vi interesan enigmon. Ĉi-foje, la kvar-angulo estas plenigita[2] per silaboj[3]. Kion vi faru?

Ĉi-sube, vi trovos vort'difinojn[4], de (a) ĝis (i). Laŭ ili, divenu la vortojn, kaj en la kvar-angulo forstreku iliajn konsist'igajn silabojn! Fine, restos al vi 7 silaboj, kiujn vi ne forstrekis. Se vi kun-metos ĉi tiujn, laŭ la ĝusta ordo, vi ricevos la titolon de iama fama Esperanto-gazeto. Sendu *nur la titolon,* antaŭ la 1-a de januaro 1975, al: *s-ro Dieter Berndt,* Berolinastr. 2., DDR—102 BERLIN.

(a) Veturil'aro, kiu rul'iĝas sur fer'vojo; (b) Labor'kunulo; (c) Tutmonda; (ĉ) Post ne-longe; (d) Publika manĝejo; (e) Verkisto de muzikaĵoj; (f) Inter-ŝanĝi leterojn; (g) Regul'aro pri ĝusta skribado; (ĝ) Antaŭ du tagoj; (h) Unua monato de la jaro; (ĥ) Biletisto en publika veturilo; (i) malsan'ul'ejo.

## NIAJ PREMIITOJ

- Per ĝusta solvo de la liter'enigmo (n-ro 2), gajnis Esperanto-librojn: *Ildikó Bovári*, Ősz u. 3.; H-1203 BUDAPEST, *Hungario; Judit Adorján*, Ősz Szabó János u. 12., H-1203 BUDAPEST, *Hungario.*

- Ĝustan solvon de la enigmo „*Diagonale*" (n-ro 2) sendis al ni: *Anikó Kiss*, Böszörményi u. 145., H-4032 DEBRECEN, *Hungario; Horváth Imre*, Kodály Z. u. 22. II. 8., H-9023 GYŐR, *Hungario.*

  Ili ricevis po 10 belajn bild'kartojn el diversaj landoj.

- 1 + 1 = 1 (n-ro 2). Ĉi tie, ni mencias nur la plej oftajn vort-kunmetojn: 1. sun'floro; 2. sun'radio; 3. flor'folio; 4. kol'ĉeno; 5. ĉen'rado; 6. dent'rado; 7. glob'krajono; 8. okul'dento; 9. lakto-dento; 10. akvo-floro; 11. okul'globo; 12. rad'ringo; 13. kol'ringo; 14. rad'radio. Ĝustajn solvojn sendis al ni *Ildikó Bovári* kaj *Judit Adorján.* Ni gratulas ilin!

- En kiu lando aperas (n-ro 3)?

  Ĝusta solvo: *Kontakto* (pres'organo de TEJO) en *Nederlando; La Skolta Mondo* (gazeto de la Skolta Esperato-Ligo) en *Norvegio; Esperanto* (monata revuo de U.E.A.) en *Nederlando; Paco* (organo de la Mond' paca Esperanto-Movado) — ĉiu numero en alia lando, ekde 1974: en *Bulgario; Heroldo de Esperanto* (duon'monata neŭtrala gazeto) en *Belgio; Kalejdoskopo* (kvaron'jara periodaĵo por infanoj) en *Britio; IPR = Internacia Pedagogia Revuo* en *GFR,* ekde 1974: en *Nederlando; Homo kaj Kosmo* (kvaron'jara popular'scienca revuo) en *Jugoslavio; Norda Prismo* (literatura revuo) en *Finnlando,* antaŭe: en *Danio* kaj *Svedio.*

  Per ĝusta solvo, unu-jaran abonon al *Homo kaj Kosmo* gajnis: *Aime Kalamees;* Randtee 17—10; SU—202900 VILJANDI; *Estonio.*

ANKAŬ VI SEKVU ILIAN EKZEMPLON!

SOLVOJ:

1. Kio estas tio? — *domo, kajero, vojo, araneo, koko.*
2. Laŭ-litere. HUNDO — *l*undo — l*a*ndo — LAN*G*O, MANĜI — man*k*i — ma*r*ki — MARŜI, STELO — st*a*lo — *ŝ*talo — ŜTA*T*O, TRO —tr*i* — *p*ri — PL*I*, SENTI — *v*enti —.ven*k*i — VE*R*KI, TRAMO — tr*e*mo — *k*remo — KRE*V*O, MORTI — mor*d*i — *t*ordi — TO*N*DI, SUPO — s*a*po — *k*apo — KA*T*O, TERO — *b*ero — be*t*o — B*A*TO, TUKO — *b*uko — b*e*ko — BE*R*O.

● *Valter Raunk* (14-jara knabo), str. Valuoja prt. 15—23, SU-202900 VILJANDI, *Estonio*, deziras korespondi kun samaĝaj amikoj.

● *Gyöngyi Német* kaj ŝia amikino, ambaŭ 13-jaraj, kolektas bildkartojn kaj kalendarojn. Ili lernas Esperanton ekde 4 jaroj. Skribu al: *Gy. Német*, Gyöngyösi u. 6. fszt. 5, H-1138 BUDAPEST, *Hungario*.

● 14-jara lernantino, kiun interesas ĉefe la naturo, serĉas leteramikojn el Hungario kaj Finnlando. *Merike Moks*, Kalmistu tee 8, SU-200012 TALLINN, *Estonio*.

● Du polaj amikinoj deziras korespondi kun hungaraj knaboj. Adreso: *Elżbieta Wiśniewska*, ul. Małopolska 36/2, PL-81 813 SOPOT, *Pollando*.

● Por plibeligi la vivon, korespondi deziras 12-jaraj knaboj kun geamikoj el la tuta mondo. Ili sendos poŝtmarkojn, bildkartojn k.a. Adreso: *5-a klaso*, Ĉefurba Edukadinstituto, Vöröshadsereg u. 165, H-1021 BUDAPEST, *Hungario*.




● 15-jara lernantino, kiu kolektas bildkartojn, florojn, gazetojn, deziras korespondi. Skribu al: *Valentina Romanjuk*, Lernejo N 17, Interklubo, SU-343716 KIROVSK, Donecka obl.

● 17-jara lernantino serĉas leteramikojn. *Aili Sokk*, Tulika 50—32, TALLINN—6, *Estonio*, USSR.

● Tri lernantoj 16-jaraj, anoj de la Esperanto-rondeto „Fajreto" deziras korespondi tutmonde. Ili interesiĝas pri insignoj, kalendaroj, estrada muziko, sporto, desegno. Skribu al: *Zaĥarĉenko Raja*, str. 20 let RKKA, d. 246, kv. 4. SU-644063 OMSK.

JUNA AMIKO

Sub aŭspicio de ILEI

Internacia Lerneja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest 5. Pf. 193.). Respondeca redaktoro: BÉLA BERCELI. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *Ch. Fettes* (Irlando), *A. Grela* (Pollando), *As. Grigorov* (Bulgario), *J. Hamvai* (Nov-Zelando), *L. Jevsejeva, B. Kärt* (Sovetunio), *E. Linz* (Brazilo), *U. J. Moritz* (GFR), *R. Okumura* (Japanio), *G. Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehoriĉ* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio), Grafikistoj: *J. Klement* (Ĉeĥoslovakio), *I. Mórocz* (Svislando). *S. Plugor* (Rumanio), *E. Váli, Z. Vámos* (Hungario). Lingva revizio: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedély száma: 95 894/74.

74.3652 Dürer Nyomda, Gyula

humuro



„Andreo, via skriba laboraĵo pri la kato tre similas al tiu de via frato," diras la instruisto.

„Kompreneble. Ni ja skribis pri la sama kato."

ABC POR KOMENCANTOJ



## EN JUĜEJO

„Vi ne bezonas nei", diris la juĝisto al murdinto[2]. „Jen, antaŭ vi staras tri atestantoj, kiuj vidis, ke vi faris la krimon[3]."

„Kion signifas tri atestantoj?" respondis trankvile la murdinto; „mi povas nomi mil homojn, kiuj ne vidis ĝin."



## PRAKTIKA LERNANTO

„Kio pasas pli rapide: ĉu la sono aŭ la lumo?" demandis la instruisto.

„La sono", respondis lernanto.

„Kial vi opinias tiel?"

„Ĉar kiam oni en-ŝaltas[1] televidilon — unue aperas la sono, kaj nur poste la bildo.

1. funkciigas aparaton/ 2. homo, kiu mortigis iun/ 3. grava kulpo.